2ª jaro - Nº 6 (13) (Publication mensuelle) Junio 1934

# LA PIRATO

Kajero por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro: Raymond SCHWARTZ
Redakcio: 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio:
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14ᵉ

FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

Maldika —
sed vigla !

# TARIFO DE L'ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

| | |
|---|---|
| en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . | 10 fr. fr. |
| en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . | 12 fr. fr. |
| en aliaj landoj *). . . . . . . . . . . . . | 15 fr. fr. |

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIV[e]

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# Sen komentario

De post la apero de nia maja numero, kiu triumfe signis la gloran finon de l' unua Pirat-jaro, la reabonoj alfluadas, tiel, ke Solsona senhezite decidis de nun duobligi la nombron de siaj aperitivglasoj, dum nia ĉarma amikino Sala Fumal povos fine aĉeti tiun ĉapeleton, kiun ŝi deziregas jam de du monatoj. La ĉapeleto bedaŭrinde ne plu estas tute moderna, — sed ne gravas.

Tamen, — tion ni devas konfesi — kelkaj el niaj ĝisnunaj abonantoj ankoraŭ ne repagis. Ili ŝajnigas ne kompreni, ke ilia abono finiĝis. Nu, ni ne intencas minaci, sed oni permesu al ni rakonti, kio okazis al S-ro Flambaŭm en Niklasdorf. Kaj la loka delegito volonte konfirmos, ke ni ne mensogas.

Nia simpatia samideano Flambaŭm pensis, ke li povos uzi siajn monerojn pli utile ol por abono al malserioza gazeto. Bone. Tio estis lia rajto. Kaj jen : Lastan vendredon, kiam li eliris el sia domo, bonhumore kaj fajfante, falis de supra etaĝo florpoto kun enhavo sur lian nazon. Unu ! — Iom poste, kiam li ekbruligis sian pipon, ĉi tiu — pro kaŭzo nekonata — eksplodis kaj deŝiris du fingrojn. Du ! — Kurante al najbara apoteko, li glitis sur bananŝelo, falis, rompis sian horloĝon kaj la dekstran kruron. Tri ! — Kompatemaj preterpasantoj portis lin al lia hejmo. Sed ili ne povis enlitigi lin, ĉar en lia lito jam kuŝis iu... kun la edzino. Kvar ! — Senhezite S-ro Flambaŭm mortis pro apopleksio. Kvin ! — Kaj du horojn poste li jam estis senviva kadavro. Ses kaj punkto !

Ni havas nenion por aldoni.

SALA FUMAL.

*Kontrolu sur la adresbanderolo, ĉu - hazarde - via abono ne finiĝis kun la nuna numero !*




# Por meti la finan punkton

Simila al la barelo de l' Danaidoj estas la diskuto pri la neologismoj. Positele oni alportis argumentojn, por aŭ kontraŭ, — egale: ĉio forfluas. Restas nur krudaj faktoj. Dum la lastaj monatoj oni diris pri la temo ĉion, kion oni povas diri. Nun estas neeble elkovi argumenton novan. Tial la kverelantaj partioj, por montri, ke ili fidele obstinas en siaj tranĉeoj, muelas ĉiam la samajn tezojn kaj hipotezojn. De nun la batalo estas seninteresa, ĉar la finan decidon elparolos tiu granda juĝisto, la Tempo, nur post multaj jaroj.

Pri tiu verdikto de l' nesubaĉetebla Tempo eĉ la kontraŭuloj de l' neologismoj ne eraras (almenaŭ la plej sagacaj inter ili), ĉar ili ja volonte proklamas, ke Kalocsay, la ĉefo de l' skolo, naskiĝis 50 jarojn tro frue! — Ni deziras, ke Kalocsay mortu ankaŭ 50 jarojn tro malfrue, kaj ĉio estos en ordo.

Intertempe ni havas nian propran definitivan opinion, kiun, cetere, ni estas ĉiumomente pretaj ŝanĝi. Sufiĉus montri al ni, ke estas eble liveri *sen neologismoj* tradukon de la Dante'a Infero samnivelan aŭ nur dece kompareblan kun la traduko de Kalocsay.

Por kuraĝigi la kontraŭulojn de l' neologismoj La Pirato, kiu neniam hezitas, kiam temas pri heroa sinofero, donos premion de

*svisaj frankoj 1.000.000,—*

al tiu, kiu sukcesos alporti la pruvon, kiun ni atendas.

Ĝis tiam nia definitiva opinio valoros pli ol ĉiuj paperaj argumentoj, — eĉ se ili estus presitaj sur luksa japana papero.

La dejoranta Pirato.

# Ankaŭ ni intervjuas

Estas nun nova modo (cetere sendanĝera!) en Esperantujo, intervjui famulojn, jen politikajn, jen artistajn, jen scienculajn, jen filistrajn, jen ktpajn, por scii, kion ili pensas aŭ ne pensas pri nia lingvo. Ni ŝuldis al nia reputacio, ankaŭ niaflanke kunlabori al tiu granda ĉapitro de l'Esperanta movado. Sed kiun eminentulon intervjui? — La filmsteloj estas la monopolo de Jean Forge, la ambasadoroj kaj ĝenerale ĉiuj elstarantaj personoj estas ankaŭ la monopolo de alia polo. Nu, fine, dank' al originala ideo de nia sindona amiko Condorcet, kies kuraĝon nia elita legantaro bone konas, ni havas hodiaŭ la plezuron publikigi sensacian intervjuon kun unu el la plej eminentaj parizaj gastoj. — Pro la piramida graveco de la sekvantaj deklaroj, ni senhezite permesas al ĉiuj Esperantaj gazetoj, kiuj meritas tiun nomon, represi tiun ĉi artikolon.



## Intervjuo kun Lia Moŝto Patapumm

Ne estis facile atingi redevuon kun tiu eminentulo, kiu sendube estas la plej moviĝema temperamento, kiun mi iam postkuris. Faciligis al ni la taskon nia grandioza amiko, la rusa generalo (en la iama cara armeo) Tampikoff, kiu estas nun ĉefpordisto ĉe la pariza Zoologia Ĝardeno.

Kiam mi alvenis, nia amiko Tampikoff (iama generalo) tre afable akceptis min kaj mian trinkmonon. Senceremonie, kun kortuŝa simpleco, li kondukis min ĝis la arbo, sur kiu Patapumm faris sian matenan gimnastikon. Sed unue mi diru kelkajn vortojn por esprimi mian admiron pri tiu eleganta kadro, kiu perfekte imitas pecon de Afrika praarbaro. La arboj estas el aŭtentika ligno, la folioj estas nature verdaj kaj super mia kapo plafonis serena blueco de senfina ĉielo. Sufiĉas rigardi la delikatan venteton, kiu susuras plej melodie tra sennombraj branĉetoj, tremantaj pro intima emocio, por kompreni la artistajn gustojn de tiu, kiu loĝas tie ĉi.

Baldaŭ mi sukcesis malkovri mian intervjuoton Patapumm, kiu dum paŭzo inter du gimnastikaj ekzercadoj, melankolie gratis sian dekstran piedplandon. La momento ŝajnis al mi taŭga por alproksimiĝi al tiu fama gasto de l' Zoologia Ĝardeno, kiun eĉ ĵaluzuloj

konsideras kiel la plej indan reprezentanton de l' nobla Ĉimpanza gento. Kaj senhezite mi ekgrimpis. Konscia pri la ordonanta devo de ĵurnalisto mi atingis la unuan branĉon, kie mi konstatis, ke mi havas truon en la pantalono kaj ke mia intervjuoto siaflanke grimpis ankoraŭ pli alten. Mi ne povis reteni miran ekkrion pro la alta pozicio, kiun okupas Patapumm. Bedaŭrinde, ju pli mi provis alproksimiĝi al li, des pli li malproksimiĝis kaj jen, subite, per majesta salto li svingis sin sur najbaran arbon. Nun mi komprenis, ke neniel helpus al mi, grimpi pli alten. Tial, rapiddecide, mi malsupreniĝis, glitante laŭlonge de la arbotrunko. Rekontaktiĝinte kun la tero, mi retrovis mian amikon, la generalon, sed ne retrovis mian ĉapon. Kiel mi eksciis poste, ĝi estis alkroĉiĝinta al branĉeto ĉe la supraĵo de la arbo.

Mia intima amiko, la generalo, donis al mi kelkajn taktikajn konsilojn. « Patapumm », li diris, « pensas, ke vi estas S-ro Voronoff, kaj tial li forkuras. Tion ne interpretu kiel malĝentilaĵon. Pripensu, ke, se vi estus li, kaj Voronoff postkurus vin, vi verŝajne agus simimaniere, ĉu ne ? — Provu nun alian metodon. Grimpu ĝis la unua branĉo ; tie vi sidiĝos kaj montros al Patapumm tiun saketon. Ĝi entenas arakidnuksetojn, kaj vi vidos... »

Kiam mi fine alvenis sur tiu branĉo, mi havis du truojn en la pantalono kaj neniun butonon sur mia jako. Kaj mi havis ankaŭ la saketon kun la nuksetoj. Kaj jen, la generalo estis prava : Rapide Patapumm venis al mi, sidiĝis apud mi, ĝentile prenis la saketon kaj manĝis kun bona apetito. Poste, por reciproki mian afablecon, li kaptis unu dikan pulon sur sia propra brusto kaj plej amike enŝovis ĝin en mian buŝon, kvazaŭ ni estus malnovaj konatoj.

Tiel plenuminte la gestojn, kiujn ordonas la ĉiamaj leĝoj de l' gastamo, mi parolis pri la celo de mia vizito, pri la granda valoro de Esperanto, pri la verda koloro de nia flago, pri la ĉefaj politikaj problemoj. Patapumm nenion diris. Mi komprenis : Li ne deziras kompromiti sin per eldiroj, kiujn liaj malamikoj povus eventuale ekspluati kontraŭ li. Sed mi ne estas novnaskita ĵurnalisto. Necesis ekkoni la privatan opinion de Lia Ĉimpanza Moŝto pri nia movado. Mi diris :

« Se Via Moŝto permesas, ke mi interpretu vian silenton kiel favoran opinion, bonvolu nenion diri, — sed, se Esperanto malplaĉas al vi, diru tion sentime. »

**Patapumm tre elokvente plusilentis. Kaj ni havas la**

rajton proklami tra la mondo, ke li estas nia granda amiko. Ankoraŭ multajn demandojn mi intencis direkti al nia eminenta protektanto, sed la devoj de lia metio ne lasis al li la necesan tempon. Rapide li forsaltis sur alian arbon, kie senpacience atendis lin unu el liaj edzinoj.

CONDORCET.

## LIBERTEM' POR LIBERTEMPO *)

Ho maro, mi amas vin tre!
Sed ĉiam, kaj eĉ dumvintre,
Mar-moroj ne molaj estas...

Ho montoj, mi vin tre amas,
Sed sciu, ke por mont-iri
Necesas, ho ve! mon-tiri!

Ho kampoj, mi tre vin amas,
Kaj tamen mi nun kvankamas:
Iĝante jen kampar-ano
Aspektas mi kampa rano!

Eksciu do, — por verdiri —
Ke volus mi tra verd' iri,
Ne trinki plu urbo-vinojn,
Sed melki la ur-bovinojn
Kaj kuri kaj naĝi, salti,
Al nuboj dum rev' ĝisalti,
Ripozi kaj ne plu pensi...



Okupita por pripensi
Mi forgesis la stacion,
Ĉar komprenu, lastan scion,
Ke mi estis sur fervojo,
Sur subtera infer-vojo,
Kies fi-odor' inspiras
(Ĉiam, kiam mi ĝin spiras)
Al revado, tie ĉiam
Sen plenumesper' eĉ iam...

TAN HAUSER.

*) Estis tre varme lastatempe kaj okazis multaj akcidentoj pro la longa sekeco. Ni prezentas ĉi supre unu el tiuj akcidentoj.




LA MONDO, Shanghai (Marto). — « Laŭ la Vaŝingtona kaj Londona traktatoj inter Usono, Angilo kaj Japanio estas fiksata.. »

*Nu, tiu angilo facile sukcesos elgliti el inter la fingroj de l' aliaj skvaloj.*

SAMLOKE. — « En Ĝenevo soveta delegacio proponis projekton de generala senarmigo. »

*Ĉu necese? Niaj modernaj generaloj ja tamen neniam havas la okazon uzi siajn armilojn. Ni do grandanime lasu al ili la sabron!*

OOMOTO INTERNACIA (Majo). — « La kudristino agnoskis sian eraron sed li diris, ke pro sia troa okupiĝo ŝi ne povas... »

*Li? Ŝi? Ŝili aŭ liŝi? Ĉiaokaze estus konsilinde, anstataŭ "kudristino" diri ĉi tie "gekudristo".*

SENNACIECA REVUO (Junio). —
« Kvindek milionoj jen da herboj mutaj,
Kaj marŝas sur ili kelkcent ventroj brutaj. »

*Bone. Dum la ventroj marŝas la piedoj povas trankvile digesti.*

HEROLDO (10 Junio). — El raporto pri Henry Stanley: « Tiel Henry Stanley gondolis unue al Zanzibar... »

*Lia gondolo, espereble, havis motoron!*

SAMLOKE. — « Dum multaj monatoj ni ĉiam denove komencis la laboron, por fari al ni vojon, grimpi trans malfermitajn fendojn, travindante nin inter la arboj... »

*Post tiom da klopodoj la vindoj sendube estis tute malsekaj.*

NIA GAZETO (Junio). — Temas pri la eskimoj: « Ni povus multon lerni de tiu malgranda nur ĉirkaŭ tridekkvin-mila popolo. »

*Ĉarma eŭfemismo! Kial ne diri tuj, ke oni konsideras tiun popolon kiel la lastan, tute lastan?*

SAMLOKE. — « Simile kiel ekster nia movado diverspecaj diplomatoj... »

*Estus interese scii, el kiom da pecoj konsistas diplomato.*

SAMLOKE. — « Kaj se unu tagon li foriras, ĉio mortas, ĉar neniam povis vivi. »

*Nu, ni ne ekscitiĝu. Tiu frazo aperis en artikolo, kies titolo estas... " Frazeologio ". Jen ekzemplo!*

SAMLOKE. — « ...la kampanaro haltis kaj laŭte alvokis sian edzinon. »

*Unu edzino por la tuta kampanaro! Ĉu ni enviu aŭ kompatu ŝin?*

SAMLOKE. — Malliberulo diras: « Mi sidas ja pro bigamio. »

*Ĝenerale oni sidas pro laceco. Ĉu bigamio estas eble sinonimo?*

# Plej amikaj rilatoj

Plej amikaj rilatoj ligas la francan Societon al nia nova patrino UEA. — Antaŭ unu jaro la francaj reprezentantoj promesis en Kolonjo, ke, se UEA akceptos la novajn statutojn, ĝi certe rikoltos en Francujo almenaŭ tri mil membrojn. Hodiaŭ tiu cifero estas superita, almenaŭ laŭ la franca vidpunkto... sed ne laŭ la Ĝeneva. Ĉar inter tiuj tri mil la granda plimulto estas « membroj simplaj » kaj UEA ne nur esperis, sed bezonas « membrojn subtenantajn ». Kaj S-ro Stettler tre ĝentile sendis ultimatumon al la franca Societo, por ke ĝi akceptu senŝanĝe statutojn, kiuj ne plu estas konformaj al la Kolonja decido. Kaj ree oni parolas pri trompo, nelojaleco kaj la tuta muziko. Por ne malhelpi-reunuiĝon de l' disiĝintaj fortoj S-ro Behrendt grandanime rezignis la prezidantecon de la Germana Esperanto-Asocio.



# LUDO kaj SPORTO

Necesas kiel eble plej gajigi niajn Esperantajn kunvenojn. Ni ne povas aprobi tiujn fundamentajn samideanojn, kiuj okupiĝas nur pri lingvaj ekzercadoj, interdume forgesante la pli sanigajn ekzercadojn de l' korpo. Ankaŭ ni Esperantistoj devas dediĉi nin al sportaj ludoj. Ni estas certaj, ke la Ludo de l' Piratoj, kies ekzempleron vi trovos en tiu ĉi kajero, multe helpos vin en tiu direkto. Ĉar, kiel vi verŝajne mem konstatos, ĝi ne estas unu el tiuj ludetoj, kiujn oni ludas senmove sidante sur mola tabureto. La plej amuzan rezultaton oni atingos, se dum la ludo la partoprenantoj senhalte rikanas, ĉikanas, kontestas kaj protestas, insultas kaj tumultas. Tiam senmanke sekvos interesa boksbatalo ĝenerala. Tio estas sporto. Sed zorgu, ke vi ne disŝiru la ludilon !

Aperis antaŭ kelka tempo tre interesa libreto de Jakob Rosenberg, Tallinn, en kiu oni trovas multajn vere amuzajn societajn ludojn. Jen, ekzemple unu, kiun eĉ la « Lingvo Internacia » (Ateno) represis :

Sur la ludplaco oni faras malgrandan cirklon, en kiu staras la kunludanto, kiu estas la lupo en arbaro. La aliaj staras ronde ĉirkaŭ la lupo — ĉu vizaĝe aŭ dorse al li. La ĉirkaŭantoj deklamas aŭ kantas la sekvantan versaĵon :

« Lupo, lupo en arbaro,
Nin ne mordu per dentaro,
Ĉar alie ni vin batos
Ĝis vi nin plu eĉ ne flatos. »

Ĉe la vorto « flatos » la ĉirkaŭstarantoj diskuras. La lupo devas kapti unu el ili, kiu fariĝos nun siavice la lupo.

Por eviti ĉiajn diskutojn, mi konsilas al vi interkonsenti, ke la lupo estos unue la prezidanto de via grupo, poste la sekretario, la kasistino, ktp.

Antaŭ ol fini, mi deziras konigi al vi ankoraŭ tre plaĉan ludon, kiu cetere apartenas al la vera sporto. Ĉiuj kunludantoj staras sur unu linio. Tiam la gvidanto laŭte diras : « Unu, du, tri ! » Tiam ĉiuj ekkraĉas kiel eble plej malproksimen. Tiu, kiu sukcesis kraĉi

plej malproksimen, estos la kraĉĉampiono kaj ricevos unu premion. Tiu ludo estas simpla kaj taŭgas en ĉiuj societoj, ĉar ankaŭ sinjorinoj povas partopreni.

Ekzistas varianto. Sed ĝin mi ne priskribos, ĉar en tiu ĉi okazo la sinjorinoj havus neniun gajnoŝancon.

SALA FUMAL.

# PENTEKOSTO

De kiam okazas Esperantaj kongresoj dum la pentekostaj festotagoj (aŭ iom antaŭe, aŭ iom poste!) oni kutimadas kompari nian lingvomiraklon al la ĉeffaro de l' Sankta Spirito, kiu — kvankam per alia metodo — siatempe ankaŭ solvis, almenaŭ por la apostoloj, la lingvan problemon. Ni do pensas, ke estus sentakte reuzi ĉi tie la jam tro ofte uzitan kliŝon. Sufiĉu, unu fojon por ĉiuj, konstati ĉi tie, ke la Esperantistoj, Dio-scias-kiomope dissemitaj tra la tuta mondo, parolas ĉiuj la saman lingvon. Kaj tamen...

*Ĉe la Itala nunjara kongreso :* Rezolucio pri la gazetara demando.

Konsiderinte ..... esprimas la deziron, ke oni sukcesu kunfandi la du ŝatindajn gazetojn « Esperanto » de Ĝenevo kaj « Heroldo de Esperanto » de Kolonjo.

*Ĉe la Franca nunjara kongreso :* Rezolucio pri la gazetara demando.

Konsiderinte ..... unuanime voĉdonas, ke la oficiala organo estu la plena posedaĵo de UEA, — ke ĝi aperu en lando, kie la preslibereco estas absoluta, — ke la redaktado kaj financa administrado estu sub la kontrolo de la komitato.

*Ĉe la Proksim-Orienta kongreso en Tel-Aviv :* Pri Esperanto.

... decidis propagandi kun kaj per Esperanto ĉefe la Zamenhofan idealon, la Internan Ideon...

*Ĉe la Germana kongreso en Würzburg :* Pri Esperanto.

Ni vidas en Esperanto nur interpopolan lingvon kaj nenion alian.

*El raporto pri la 29-a Skota kongreso en Leven, Skotlando :*

« ... Vizito al nova fabrikejo (emajlitaj metalaj produktaĵoj) montriĝis tre interesa, tiel same, kiel vizito al kuniklejo. »

Ŝajnas al ni, ke nur la Skotoj komprenis la veran celon de la Pentekostaj kongresoj.

A. B. C. AWFUL.

*ALTA LITERATURO*

# AKLAMOJ

La sportistoj, la soldatoj
Ĝojas pri sukcesaj batoj:
Ĥip, hip, hura!

Pipfumisto pri donaco
Dankas kun ĝuema ŝmaco:
Pip'! — Pip' pura!

Al neologisma skolo
Kontraŭuloj (sen pistolo)
Venĝe bruas per minaco,
Por ke regu stagna paco:
Vip', vip' dura!

Gedancantoj dum la tango
Tro kisemas per la lango;
Atestantoj — ĉu ŝokite? —
Vokas, al konven' invite:
Lip', lip' nura!

Oomoto-redaktoroj
Himnas el naivaj koroj:
Niŝ-niŝ-mura!

Rosa Meier.



# La internacia borso

Lastatempe, verŝajne pro la somera temperaturo, la borsaj negocoj iom malvigliĝis. Tamen la kaŭĉukoj restis sufiĉe elastaj kaj la feroj tre rezistaj, krom la Sanktaa Fero, kiun oni multe vendis de germana flanko. La Atmos Fero konservas sian serenecon. — En la fako de l' ladoj la situacio estas malpli solida. Speciale malgaja aspektas la Marme Lado kaj la Ĉoko Lado. Koncerne ĉi lastan oni tamen antaŭvidas rapidan refirmiĝon, ĉar la Ĉe-Instituto supozeble baldaŭ aĉetos la stokon necesan por la aŭtunaj kursoj.

Inter la grandaj internaciaj valorpaperoj, ni rimarkis la senĉesan plialtiĝon de la kongresakcioj Stockholm, kiuj atingis 1.300,— dum la Helsinkikontrakt estas nuntempe serĉata nur de kolektistoj.

Obligacioj de la nova UEA : Okazis multege da vendoj kaj nur malmultaj aĉetoj. En borsaj medioj oni timas, ke la kuponoj restos sen respondo. — La respondkuponoj, siaflanke, estas tre dezirataj kun 50 % sub la nominalo, sed netroveblaj. — Libro-loterio de La Praktiko : Sen ŝanĝo, la biletoj ĉiam valoras 0,10 guld. Kelkaj ruzuloj, tamen, volonte pagus iom pli, sed nur por gajnontaj biletoj. — AELA : Tiu ĉi merkato iom plivigliĝis kun la apero de l' Enciklopedio. Laŭ ĝenerala onidiro, oni povas aĉeti senriske ĉe la nuna kurzo, sv. fr. 17,— speciale, se oni havas paciencon. Kaj monon.

La akcioj de la Centra Esperantista Librejo defendas sian reputacion. Tio certe ne lacigas ilin. Sed malgraŭ kalumniaj klaĉoj, ni estas rajtigitaj aserti, kaj tion ni faras sub nia propra respondeco, ke tiuj akcioj ĉiam reprezentas 500,— (t. e. 500 gramojn por ĉiu funto). — La Domo de l' Homamo ne moviĝas. Tiom pli bone por la najbaroj. — Occidental (dentopulvoro) atingis sian rekordkurzon kun 34.563 spesnuloj.

Inter la ofervojoj estas menciinda la kuraĝa salto de la Ĝeneva ofervojo. Dum kelka tempo, t. e. dum la tuta daŭro de la Viena konferenco, ĝi ŝajnis mirinde malpeza. Sed post la konferenco, direktoro Kreuz revenis !

Pri la rentoj, estas pli saĝe ne paroli. Esperanto estas nur esperrento.

Jules Laribois.

---

## LA POŜTOSAK' DE L' ŜIPANAR'

Al S-ro Ch. Lav., en Br. — Nia monkaŝisto dankas vin pro viaj afablaj vortoj, sed ĉefe pro la respondkuponoj.

Al F-ino M. R., en L. — Vi tiel ĝentile petis, eĉ rime,

« Kaperu pirategule,
sed aperu pli regule... »

ke ni eble provos kontentigi vin. Kvankam tio dependas ne de ni, sed... de la vento !

Al S-ro Herm. L., en M. — Ni bone ricevis viajn ĉarmajn desegnaĵojn. Iom post iom ni uzos (aŭ misuzos) kelkajn. Dankon !

Al S-ro M. P., Japan. — Iom forta, eĉ por ni, via « eseo » pri Necesejoj. Ne forgesu, ke troviĝas kelkaj normalaj homoj inter niaj abonantoj !

## SURVOJE AL LARĜBAZA GRAMATIKO

Interesan provon por variigi tro stereotipajn vortojn ni trovas en nia bonega *Heroldo* (10 junio). Ni pensas, ke ĉiuj sinceraj gesamideanoj aplaŭde subtenos tiun kuraĝan paŝon. Kompreneble, same kiel la ovo de Kolumbo, ankaŭ tiu ĉi eltrovo ne estas eksterordinara, sed tamen necesis pensi pri ĝia ebleco. Jen unu ekzemplo : « ... la opinioj tiom *diferencenas*, ke... » kaj jen alia ekzemplo, kiu konfirmas la unuan : « ... granda havenurbo, kiu estas la ĉefa *komerencocentro*... » Tio, evidente, estas nur modestena komenceno, sed se ĉiuj honestene kunlaborenos, ni baldaŭ alvenenos al grandiozena rezultateno.



Ĝis nun ne regis unueco koncerne la uzon de *for*. Kelkaj bonaj aŭtoroj, inter ili Zamenhof mem, uzas ĝin sen akuzativo : For la manoj ! — Aliaj, inter ili Zamenhof mem, uzas ĝin kun akuzativo : For la manojn ! Ni tial devas danki al la kuraĝa *Nia Gazeto*, kiu ne timas pionire inaŭguri, kiam temas pri malfacilaj gramatikaj demandoj. Ĝi diras tute simple *for kun* : For kun la oficiala frazeologio ! — Tute simple.

Tio ne estas la sola progreso, pri kiu ni povas ĝoji. — Ĝenerale oni konsideras Esperanton kiel latinidan lingvon. Sed io ĝenas. Esperanto havas tro da literoj k, kaj kiel oni scias, la litero k ne ekzistas en la latina lingvo. Por eviti tiun k-rifon, la jam citita gazeto enkondukis tre originalan varianton, kiun ni varme rekomendas al ĉiuj amatoroj : De tiu tempo mi fariĝis *cinique* sobra. Vivu la sequantoj !

ALE BEN TARIP.

## Tute konfidenca raporto pri la solena vespermanĝo de l' Piratoj, okazinta en Parizo la 16-an kaj 17-an de Junio 1934-a

Estis sabato de tre soifiga semajno, precize je la 18-a horo posttagmeze, kiam la unua emulo (estis nia ĉiam tre akurata amiko Laval) kunvenis ĉirkaŭ la unua aperitivglaso kaj malfermis la ceremonion per laŭcirkonstanca parolado, pro kiu, cetere, suferis nur la deĵoranta kelnero. Post forpaso de tiu danĝero alvenis en rapida sinsekvo la aliaj emuloj, are, ope, karavane kaj eĉ pogute. Kelkaj ne hezitis veni kun siaj laŭleĝaj edzinoj ; aliaj, inter ili niaj eminentaj [redacted] ankaŭ tute ĉarmaj. Tuj ekblovis uragana ventego kaj baldaŭ niaj belaj veloj similis al la Kontrakto de Helsinki. Jam oni rimarkis, ke [redacted] Kiel kutime, jam je la 24-a, Solsona [redacted] portita. Fraŭlino [redacted] kaj la ĉokolade dolĉa sinjorino [redacted] same kiel ankaŭ nia glaciventa amiko Ferrari [redacted] Koncerne la aliajn, oni povas diri sen troigo, ke ili ĉiuj [redacted]

Post la ŝippereo, la lastaj postvivantoj kuraĝe retiriĝis sur kanibalan insulon, apud la Centraj Haloj, kaj glutebrue ensorbis tiun gluaĉan bulbosupon, kiu definitive famigis la Halkvartalon.

Estis bela dimanĉo, la 17-a de Junio 1934, matene je la 7-a.

BABILEMULO SEDNETRO.

## *LA FERDEKO DE L' PASAĜEROJ*

# Gesamideanoj, trankviliĝu !

---

Antaŭ nelonge, okaze de grupkunveno en la Sorbonne, iu paroladisto atentigis pri la danĝeroj de tro vigla poresperanta propagando : la realigo de nia idealo, la disvastiĝo de nia lingvo en la tuta mondo igos niajn grupojn, prezidantojn, estrojn, delegitojn kaj direktorojn superfluaj. Ilin ĉiujn do atendas la sorto de arbofolioj en aŭtuno.

Estante freneza propagandulo kaj kaŝe revante iam okupi mem allogan seĝon de grupestro, mi estis tute turmentata aŭskultinte la malĝojigan prognozon. Kion fari? Kie serĉi novan okupadon en nia malfacila tempo? Pro mia sciencula kutimo, mi tamen decidis science esplori la aferon por eble poste; publikigi artikolon pri tio (tiamaniere komencante samtempe novan glordonan profesion).

Mi penadis tage kaj nokte, kolektis ampleksan materialon, pensadis kaj pripensadis; la rezulto estas frapa kaj ĝojiga. La tezo de l' paroladisto, kvankam principe prava, reale ne estas tia : ĝia konkludo bazas sur erara supozo. Tion pruvas la statistiko !

En la mondo ekzistas hodiaŭ rondnombre du miliardoj da homoj. La plej fervoraj Esperantistoj deziras, nature, ke ambaŭ miliardoj ellernu kaj posedu la lingvon. Sed ni prenu, por ne troigi, sole unu miliardon. Ni eĉ dekalkulos la infanojn kaj la maljunulojn, kiuj ankoraŭ ne, aŭ jam ne, ludas rolon en la vivo kaj memstare ne partoprenas la mondtrafikon. Restos ankoraŭ minimume 500 milionoj da personoj konvertotaj, en kiu nombro mi ne enkalkulas la naturan plimultiĝon de la homa gento !

Sekve, se niaj grupoj kaj fakunuiĝoj produktos ĉiujare eĉ unu milionon da novaj gesamideanoj, ni estos provizitaj je laboro minimume dum la daŭro de 500 jaroj. Ni povas do atendi, ke ne nur al ni mem, sed ke ankaŭ al niaj infanoj, genepoj, pranepoj kaj prapranepoj restos konservitaj niaj belaj honoraj postenoj. — Ni havas je nia dispono 500 senzorgajn jarojn. Vivu do nia diligenta kolegaro !

Esperanta Ambiciulo.
(Kopiis M. Movo.)






**Kompetenteco?** — K. R. C. Sturmer, kiu akiris solidan reputacion kiel eminenta specialisto de l' seksaferoj, kiu konas la labirinton de l' Freŭdismo kaj eventuale la ĉirkaŭvojojn de l' Fraŭdismo, allasas strangajn herezieĵojn en sia nova libro « Notlibro de praktika Esperantisto ». Sur paĝo 20, li parolas pri « knabina amiko » kaj sur paĝo 22, pri « knabina konato ». — Pripensinte, ni konkludas, ke eble ne temas pri eraro de l' aŭtoro, sed pri eraro de l' naturo. Do pri fenomenoj.

**Konferencado.** — Estas facile komenci konferencon, sed malfacile ĝin fini. Tion oni spertis ankaŭ en Vieno. Ĉiu el la konferencanoj estis antaŭe preparinta dikan raporton kaj, kompreneble, deziris prezenti sian raporton al la aliaj kolegoj. Bedaŭrinde ne estis sufiĉe da kunsidoj, ĉar intertempe oni devis ekskursi, kiel eble plej multe por subteni la aŭstran turismon ; oni devis viziti teatrojn, ministrojn kaj aliajn monumentojn. Rezulte: mankis tempo por priparoli ĉiujn raportojn, pri kio multaj konferencanoj ne estis kontentaj. Sed, kiel ĉiam, ankaŭ nun Direktoro Kreuz trovis elegantan solvon. Li kolektis ĉiujn ne prelegitajn raportojn kaj promesis ilin trastudi hejme. Poste, li publikigos kiel konkludon la unuaniman deziresprimon voĉdonitan de l' Viena Konferenco.

**Reprezentanto.** — Reveninte el Vieno, nia bona amiko C. Rousseau estis mirigita ekscii, ke li reprezentis la francan registaron ĉe la Konferenco, ĉar la konsenton de l' kompetenta ministro li ricevis nur la 29-an de Majo. Pli bone malfrue ol neniam. Cetere, per tiu ĉi (ĉu diplomata ?) malfruiĝo la ministro nenion gajnis. Li ricevos tamen la kompletan raporton pri la Konferenco ! Estas vere, ke neniu povas devigi lin ankaŭ legi la raporton.

**Familia harmonio.** — Oni scias, ke lastatempe ekzistis en Germanujo du Esperanto-asocioj, kiuj fervore batalis inter si. Nun ili unuiĝis, sub la gvido de S-ro K. Walther, en la Germana Esperanto-Fronto. Ĉar, kiel diras nia eminenta gvidanto Privat, estas io, kio unuigas ĉiujn, nome « la Zamenhofa kredo, ke super ĉiuj diferencoj la homaro estas granda familio, al kiu apartenas kaj devas aparteni ĉiuj civilizoj kaj nacioj do l' mondo ».

**Kruela vorto.** — Nia bona amiko, S-ro Archdeacon, kiu estas akciulo de la Centra Esperantista Librejo, estis malkontenta. Ankaŭ la Centra Librejo vendas nuntempe malpli ol antaŭ kelkaj jaroj; kaj nia amiko kulpigas la Librejon, ĉar ĝi ne eldonas sufiĉe da literaturaĵoj. — « Kun la kelkaj ekzempleroj, kiuj ankoraŭ ŝimas ĉi tie, vi ne plu aspektas kiel librejo, sed kiel... mallibrejo! » — Ne estis facile klarigi al S-ro Archdeacon, ke nuntempe regas la tiel nomata krizo!

**Zamenhofa Esperanto.** — Novaj folioj, eldonitaj de D-ro Korekt en tre Corret'a lingvo.

**Espéranto - Réalisations.** — Tiel nomiĝas la trimonata gazeto de l' Pariza Societo komerca kaj turisma, presita plejparte en franca lingvo. Ĝi enhavas ankaŭ kelkajn tekstojn, kiuj bedaŭrinde similas al Esperanto. Al Pidgin-Esperanto.

**Sisteme.** — Dum li estis ankoraŭ ĉefdelegito de UEA, nia bona amiko Delanoue tre ordeme kolektis la nomojn de ĉiuj francaj Esperantistoj. Ĉiu samideano havis en la kestetoj de la ĉefdelegito apartan slipon, sur kiu estis tuj troveblaj lia nomo, aĝo, adreso, privataj pasioj kaj oficialaj okupoj. De kiam pli altaj instancoj devigis nian amikon forlasi la Esperantan kampon, la slipoj perdis sian signifon. — Antaŭ nelonge ni renkontis nian amikon kaj ni babilis. Kaj ni eksciis, ke li starigas nun la kompletan genealogion de l' antikvaj dioj kaj diinoj. « Mi havas jam proksimume du mil slipojn. »

**Laŭsezone.** — Jerusalemanino raportis en *Heroldo* pri la kongreso en Tel-Aviv : « La urbestro inaŭguris la Zamenhofstraton per *varmaj*, elkoraj vortoj. Sekvis *varma*, senpera interkonatiĝa vespero en la kafejo "Ŝeleg Levanon" = "Neĝo de Libanon". ... En kafejo "Neĝo de Libanon" vivanta gazeto kaj *varma* adiaŭo. »

Se post tio la neĝo de Libanon ne fandiĝis kiel butero...

**Reklamo.** — Ne nur pro la ĉevalkuroj Anglujo estas fama, sed ankaŭ pro la hundokuroj. Ni jam havis la honoron raporti pri la sukceso de ĉevalo, kiu nomiĝas Esperanto. Nun oni atentigas nin, ke ankaŭ kurhundo havas la saman nomon, pri kio niaj anglaj sportemaj amikoj estas rajte tre fieraj, ĉar la hundo estas vere sukcesa. Kiel ni eksciis el afable alsendita angla fakgazeto, la hundo (greyhound) Esperanto estas la filo de Linguist II. Kaj el anoncoj de l' feliĉa hundomastro ni vidas, ke la... kiel diri?... la gravedigo pere de Esperanto kostas 15 guineas. Se vi estas sincera Esperantisto, kaj havas hundinon, notu la adreson : A. Boazman Esq. Burgh by Sands, 3 minutes from Gilsland Station. Granda Britujo.

**Lasthore.** — La 27-a Kongreso de Esperanto okazos en Romo pro kaŭzoj sendependaj de nia volo. — Sed jam aŭdiĝas voĉoj, kiuj antaŭtime demandas, ĉu ni povos libere diskuti en la lando de l' faŝismo. — Kial ne? Ni ja povos organizi sekretajn kunvenojn en... la katakomboj. Kiel faris jam aliaj utopiistoj antaŭ ni. ☆

# La Ludo de l' Piratoj

Antaŭrimarko : Pro kaŭzoj facile diveneblaj dum krizepoko ni presigis nian ludon nur unukolore. Sed vi pli bone komprenos kaj aplikos la ludregulojn, se antaŭ ol komenci, vi bonvolos mem, per ruĝa krajono, enkadrigi la faketojn n-ro 6, 12, 15, 19, 25, 31, 42, 52, 58.

La ĝenerala regularo estas tiu de l' Anserludo, diverslande konata. — Teorie la nombro de l' partoprenantoj ne estas limigita, sed pro praktikaj kaŭzoj ŝajnas pli bone, ke ĝi ne superu cent.

Ĉiu ludanto provizas sin je signilo. Unu, ekzemple, prenas butonon, alia fabon, tria moneron, kvara ringon, kvina botelkorkon, ktp. Plue oni bezonas du ĵetkubojn. Ĉiu ludanto metas sian ludpagon sur la fakon 63 : laŭ ĝenerala interkonsento ĉiu metas ekzemple 1 spesmilon aŭ 1 spesdekon. Kaj nun oni povas komenci.

La unua komencas ĵetante la kubojn. Li adicias la punktojn kaj metas sian signilon sur la koncernan faketon.

Ekzemple: Unua ĵeto montras 3 kaj 4 = 7. Metu vian signilon sur faketon 7. Kiam poste, viavice, vi reludos kaj ĵetos 1 kaj 2 = 3, vi antaŭenigos vian signilon je tri pluaj faketoj kaj troviĝos nun sur 10. Ktp.

Gajnanto estas tiu, kiu trafas unua la faketon 63. Kiu transiras tiun faketon, reiru malantaŭen. Ekz. : vi troviĝas sur 60 kaj ĵetas 4 + 6 = 9. Vi kalkulas : 61, 62, 63, 62, 61, 60, 59, 58, 57.

Se du ludantoj renkontiĝas sur la sama faketo, la unuealveninta reiru al la faketo, sur kiu ĝis tiam haltis la dua. (Kun escepto koncerne la faketon 31, pri kiu vi trovos la klarigon aliloke.)

Kiu per la unua ĵeto ricevas 3 + 6 = 9, iru tuj al 26. Same, kiu per la unua ĵeto ricevas 4 + 5 = 9, iru tuj al 53.

Oni neniam haltu sur piratkapo (faketoj 9, 18, 27, 36, 45, 54, kiujn ni konsilas enkadrigi per blua krajono!) Kiu trafas tian piratkapon, duobligas sian ĵetnombron. Ekz. : Mi estas sur 13 kaj ĵetas 2 + 3 = 5 ; mi iras do de 13 al 18 (piratkapo, kie mi ne haltas) kaj tial pluiras ankoraŭfoje je 5 faketoj, t. e. al 23.



Oni povas interkonsenti ankaŭ pri specialaj punpagoj ; kiu trafas la n-rojn 8 (filistro), 17 (admiralo), 57 (batata ĝendarmo) enmetas difinitan sumeton sur la rondojn 3, 5 aŭ 10, kiuj troviĝas en la anguloj. Kiu trafas la faketojn 11, (3), 34 (5), 51 (10), prenu la koncernajn enmetaĵojn.

Krome estas eble interkonsenti pri ĉia imagebla regulo. Ekz. : Ĉiu, kiu haltis sur la floso (31), kaj ne estas savita ĝis la fino de la ludo, estos manĝata, kruda, de la kunludantaro. Kaj tiel plu.



*La Ludon de l' Piratoj desegnis Raymond Laval.*

*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

## NIAJ ABONEJOJ

*Aŭstrujo :* S-ro Alfred Klein, Cirkusgasse 34/9, *Wien II.* — Unu jaro : S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo :* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro : Kr. 20,—.

*Germanujo :* Friedrich Ellersiek G. m. b. H., Wilms-Str. 5, *Berlin S. W. 61.* — Postscheckkonto : Berlin 293 18. — Unu jaro : RM 2,10.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo :* S-ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro : Pesetoj 6,—.

*Italujo :* Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro : Lit. 12,50.

*Japanujo :* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro : 3,50 jenoj.

*Nederlando :* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto : 230 505. — Unu jaro : Guld. 1,25.

*Polujo :* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo :* S-ro Oskar Svantesson, Karl Johansgatan 61, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro : Kr. 3,75.



**Kun tiu ĉi numero**
**ĉiu abonanto ricevas aldone**
**la amuzan LUDON DE L'PIRATOJ !**